# ESPERANTO

**Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**


## Eŭropana lingvo aŭ homara lingvo

*La nuna tempo, tiom riĉa je kontraŭdiraĵoj kaj je emo nepre ŝanĝi ĉion, influis ankaŭ nian movadon. Ni ne parolu pri la organizo, teda legaĵo por la plimulto. Sed ni altiru la atenton je aliaj faktoj. Antaŭ jaroj ŝanĝemuloj proponis, ke oni anstataŭu la jam karan al ni tekston aŭ melodion de LA ESPERO. Tio feliĉe ne okazis. Kaj nun oni provas ŝanĝi la nomon de la lingvo mem, opiniante eble, ke per tio oni forigus tendencon, ne konforman al modernaj fluoj politikaj. KONTRAŬSTARU LA KOMENCON, tio estas postulo nuna. Nia redakcio plezure donas lokon al alarmiga artikolo de la filino de D-ro Zamenhof.*

« Eŭropanoj ! lernu eŭropane ! » — tian alvokon mi legis en unu esperanta gazeto.

La leganto eble ne scias ankoraŭ, kio estas la eŭropana lingvo. Li povas kredi, ke ĝi estas iu nova provo de artefarita lingvo. Li erarus. La lingvo eŭropana ne diferencas de Esperanto. Ĝi e s t a s Esperanto. Nur la nomo estas ŝanĝita.

La personoj, kiuj proponas tiun ŝanĝon de la nomo, diras, ke la vorto « Esperanto » ne havas sufiĉan allogan forton, por altiri al nia lingvo la atenton de la mondo. Ili konsideras ankaŭ, ke la internacieca ideo de Esperanto ne estas aktuala. Ke en la nuna tempo pli kaj pli la mondo turnas sin al naciaj standardoj. Ke ni devas sekvi tiun modon, por plaĉi al la mondo, kaj stariĝi sur la bazo de iu difinita unueco, meti nin humile en la ombron de iu elektita protektanto kaj proklami, per nia nomo mem, hegemonion de iu kulturo.

Okazas iafoje, ke bankrotinta komercisto, likvidinte malsukcesan negocon, komencas novan negocon sub alia firmo. Sed antaŭ ĉio, la malnova firmo « Esperanto » tute ne bankrotis kaj neniel estas minacata de tiu sorto. Ĝi estas konata en la mondo. Ĝi jam akiris al si certan famon kaj eĉ laŭ praktika vidpunkto estus granda sensencaĵo, se ni forlasus tiun nomon, al kiu la publiko jam kutimas, kaj komencus malŝpari nian energion por sciigi al la mondo, ke tio, kion oni ĝis nun konis sub unu nomo, ricevas alian komercan nomon. Malfide oni demandus tian komerciston : kial vi ŝanĝis la nomon de via varo ?

Esperanto ne estas negoco. Ĝi estas ideo. Ŝanĝi ĝian nomon estus io pli, of ŝanĝi etiketon de varo. Ĝi signifus : ŝanĝi la standardon. Kaj tio estas la esenco de la problemo.

Estas, vere, personoj kaj partioj, al kiuj la ideo de lingvo internacia ne estas simpatia, kaj ne povas esti simpatia. Ĉar tio estas personoj, al kiuj estas simpatia nenio, kio igas la popolojn premi al si reciproke la manojn. Ĉar tio estas personoj, al kiuj estas simpatia nenio, kio celas faligi la murojn inter la nacioj. Ĉu indas komerci per nia standardo por akiri ilian aprobon ?

Ĉiu scias, ke la vorto « Esperanto » ne estis originala nomo de la lingvo, sed nur pseŭdonimo de la aŭtoro. La nomo de la lingvo estis simple : « lingvo internacia ». Jes, i n t e r n a c i a. Tia, ne alia, estis la intenco de ĝia aŭtoro. Li celis krei lingvon neŭtrale homan, lingvon, antaŭ kiu ĉiu homo kaj ĉiu popolo sentus sin egala. Kie kaj kiam la Majstro diris, ke lia lingvo devas servi nur por la eŭropanoj ? Ĝi estas, vere, bazita sur la eŭropaj lingvoj. Sed la kaŭzo de tio estas, ke ĝia aŭtoro estis plej proksima al la eŭropa kaldrono de lingvoj, al la eŭropa Babelo. Tio tute ne signifas, ke li volis iel privilegii la eŭropajn lingvojn. Se oni volus serĉi mankojn en Esperanto, oni povus trovi eble ĝuste tion, ke ĝi estas tro eŭropa kaj nesufiĉe respegulas la orientajn radikojn. Kaj, pensante pri la plua evoluado de la lingvo oni povas supozi, ke eble ĝi subiĝos al orientaj influoj, laŭgrade kiel Esperanto disvastiĝados oriente kaj la orientaj popoloj portados al ĝi siajn brikojn. Tiom pri la lingva flanko.

Sed la kerno de la problemo estas alia. Tion, kio estis kreita por ĉiuj, oni volas prezenti kiel propraĵon de unu parto de la homaro. Tion, kio estis kreita por ke ĉiuj nacioj kaj ĉiuj kulturoj estu egalaj sur ĝia fundamento, oni volas uzi por proklami superecon de unu parto de la homaro, por levi la standardon de unu kulturo, de unu kontinento super la aliajn standardojn de la mondo. *Kaj tio ĉi estas tute kontraŭa al la ideo de Esperanto*. Vane estas aserti, ke la aŭtoro de Esperanto, se li vivus, aprobus tiun idean adaptiĝon. La Majstro ne estis kompromisema, kiam temis pri liaj ideoj. Li ne kutimis sekvi laŭmodajn fluojn. Se li estus unu el multaj ŝafoj de senpensa ŝafaro, li neniam kreus Esperanton.

Kaj tial ne esti lingvo eŭropana, sed lingvo homarana. Tiu lingvo homarana havas sian nomon, sub kiu ĝi estas jam konata en la mondo, kaj sian standardon. Mizere ni atestus pri ni mem, se kiel ventflagoj ni sekvus ŝanĝiĝemajn blovojn de politikaj opinioj, se kiel kameleonoj ni obeeme adaptiĝadus al regantaj koloroj, se anstataŭ la himnon pri la familia rondo sur neŭtrala lingva fundamento, ni lernus modajn eble, sed pasemajn kantetojn pri supereco de unu homgrupo, de unu raso, de unu kontinento.

*Lidia Zamenhof.*

## Ljubljana denove dissendos belegan esperantan Radioprogramon !

La 4-an de Novembro 1937, vespere je la 22.15 - 23.15 laŭ mezeŭropa tempo /21.15 - 22.15 laŭ esperantlingva dissendo pere de radiostacio LJUBLJANA /569.3 m/ sub la nomo « VESPERO DE SIMON GREGORĈIĈ »

Simon Gregorĉiĉ estas unu el la plej eminentaj slovenaj poetoj. Detalaĵoj el lia vivo kaj pri liaj verkoj vi ekscios el la parolado de s-ano Kozlevĉar Jože dum la dissendo.

**Jen la programo :**

1./ « Stelo nia ». Kanto, kantata de anoj de Esperanta klubo.

2./ Simon Gregorĉiĉ. Parolos s-ano Kozlevĉar Jože.

3./ « Rebrilo de senkulpa okulo ». Kanto kaj solkantoj.

4./ « Vivo ne estas festo ». Ĥorparolado prezentata de geanoj de Esperanto klubo.

5./ « Al monta paradiz' ? » Kanto kun solkantoj.

6./ « Nur homon ne ». Recitos Lukas Leo ano de Esp. klubo.

7./ « Ŝiritaj floroj ». Kanto.

8./ « Al patrujo ». Recitos s-anino Cukale Ela.

9./ « Ne venas li ». Amkanto kun solkantoj.

Antaŭ ĉiu programpunkto /kanto kaj deklamo/ okazos mallonga priskribo de la enhavo, kiun donos s-ano Mizerit Dezideri j.

La tutan programon preparis, prezentos kaj kantos geanoj de Esperanta klubo, Ljubljana, kaj ĝi estos akompanota kun muziko.

**Tio signifas-ke vi havos okazon aŭdi belegan Esperantan programon !**

**Gesamideanoj !** Aŭskultu Ljubljanan ! Disvastigu la novaĵon inter la esperantistoj Anoncu ĝin en la esperanta kaj nacia gazetaro ! Instigu la esperantistojn kaj konatulojn al aŭskultado ! ! ! ! Ĉiuj esperantistaj organizoj, aŭskultu kolektive ! ! ! !

Skribu **Nepre Dankesprimojn** al la adreso : **Radio Stacio, Ljubljana, Jugoslavio.**

**Atentu :** Estontaj disaŭdigoj dependas de la ricevotaj dankesprimoj. Do skribu ĉu poŝtkarton ĉu leteron ! ! ! !

**Esperanta Klubo Ljubljana**
**Jugoslavio**

**Rimarko :** Por Din 3.- en poŝtmarkoj aŭ por unu respondkupono vi ricevos la tekstojn de ĉiuj paroladoj kaj kantoj okazotaj dum suba dissendo.

## Universala Esperanto-Asocio

### Oficiala Informilo N-ro 10

#### Laŭstatuta elekto de Komitato

Pasis nun iom pli ol unu jaro, de kiam S-ro Bastien, al kiu estis konfidata kiel prezidanto la bonfarto de la Asocio, forlasis sian postenon, eĉ ne indikante rajtigitan reprezentanton kaj kunfondis konkurencan societon, uzurpante la statutojn de UEA.

Konstituiĝis tiam pro neceso, provizora Komitato svisa kiu ordigis la plej urĝajn aferojn kaj klopodis refunkciigi la fuŝitan Asocion.

UEA estas denove en stato normale labori, eldoni regule la gazeton kaj plenumi servojn. Sed ĝi povas por la momento nur vivi tute modeste, multe suferinte morale kaj finance pro la menciitaj cirkonstancoj.

Plenuminte la taskon kiun ĝi donis al si mem, la Provizora Komitato deziras retiriĝi kaj transdoni la gvidon de la Asocio al Komitato elektita de le Delegitoj.

La statuto de UEA feliĉe ne dependigas la komitatajn elektojn de la L a n d a j A s o c i o j, sed bone antaŭvidas en la koncerna Art. 37, ankaŭ la elekton pere de la ĉefdelegitoj kaj Delegitoj, laŭ procedo fiksita en Art. 59. Pro la ŝanĝitaj cirkonstancoj sole ne plu taŭgas la elektcifero de l'Komitatano po 5 0 0 membroj. Tia komitato fariĝus tro malgranda ; sekve rekomendiĝas elekti unu komitatanon po cent membroj ĝis denove pligrandiĝos la membraro.

Laŭ la nuna stato de 1300 membroj kaj konforme al la statutaj reguloj pri proporcia reprezentado, la nova komitato nombros 12-15 personojn, kiuj reprezentos jenajn landojn :

| Lando : | Nombro |
| --- | --- |
| Aŭstrio | 1 |
| Britujo | 1 |
| Ĉeĥoslovakio | 1 |
| Francujo kaj Belgujo | 1 |
| Nederlando | 1 |
| Skand. landoj | 1 |
| Polujo | 1 |
| Baltaj landoj | 1 |
| Italujo kaj Hungarlando | 1 |
| Balkanaj landoj | 1 |
| Svislando | 1 |
| Aliaj | 1 |
| Sume : Komitatanoj | 12 |

La liston de la kandidatoj ni publikigos en postvenonta numero. Ĉiu membro de UEA rajtas fari proponon pri kandidato. La proponoj estas publikigataj en la gazeto. La elekto okazos dum Decembro 1937.

Genève, 23 Oktobro 1937.

Universala Esperanto-Asocio

Prov. Komitato.

K. M. Liniger, Prezidanto. — R. Richez, Vic-prezid.

# KALEJDOSKOPO DE L'ESPERANTISMO

## La Kontraŭjudismo

La esp. gazetaro, plejparte deklamante la belan kanton pri toleremo, frateco kaj harmonio inter homoj, gentoj kaj popoloj, ĝis nun ne kuraĝis preni klaran pozicion pri nova-malnova fenomeno : la kontraŭjudismo aŭ kiel oni diras, « antisemitismo ». Estas ankaŭ signo de nia epoko, ke anstataŭ esprimi sin klare kaj decide, la ĉefoj [kaj kun ĝi granda parto de l' popolo] sin barikadas kuraĝe malantaŭ la trifoje benata « neŭtraleco ». Per la nuna linioj ni volas eklumi certajn faktojn prisilentitajn.

La antisemitismo ja estas aperajo konata al ĉiuj. Rigardata de observa starpunkto ĝi estas esprimo de l' serĉado je la propeka kapro, la kulpulo por ĉio malbona en la mondo. Plie la antisemitismo estas inda ido de l' grandaj persekutoj kolektivaj, trapasintaj la historion homaran. Persekutoj kontraŭ malplimultoj ja ĉiam ekzistis. Sed la organizita antisemitismo de l' 20- jarcento, prezentas en si mem, ion absolute novan. Ĝi estas la mobilizado konstanta de l' plej aĉaj instinktoj de l'homo, sur la bazo de neniam pruvitaj asertoj de la pseŭdo-scienco, miksante kaĉon el ĉiuj branĉoj, por terurigi la bonan civitanon. Popoloj sanaj laŭ menso, kun firma tradicio civitana ja ne estas infekciĝeblaj de tiu-ĉi pesto. Antaŭmilite la cara Ruslando konis ŝtate subtenitan aŭ favoritan antisemitismon. Sed ĉio okazinta antaŭ 1920 estas infaniado, kompare al la antijudismo de l' Tria Regno. Ne estas intenco, tuŝi tie-ĉi la fundajn kaŭzojn de la pri-juda politiko germana. Interesas nin la efikoj kiujn ĝi havas por nia celado, **la enkonduko de helplingvo facile lernebla de ĉiuj.**

### Asertoj

La tamburpafado de « informoj » venanta de l' Germana Propaganda Ministerio mortsilentigis dum unua tempo protestojn pli energiajn of tiuj kiujn oni aŭdis. Despli infekciante laboras certaj instancoj por vekigi la konsciencon de l' cetera mondo pri la juda danĝero. Antaŭ ni troviĝas unu el tiuj multoblaj publikigaĵoj, kiel ĉiam bonege aranĝita. Ĝia impresiga titolo estas tradukita :

« Sen maskigita framasoneco »

La germanlingva eldono de 32 paĝoj, kun multaj ilustrajoj indikas, ke jam aperis 1 500 000 da ekzempleroj ! Ĝi aperis en eldonejo de l' oficejo por Metio kaj Komerco de l' reganta partio. Vendoprezo 0,10 Marko.

Por homoj ne atingitaj de cerba moliĝo la lego de tiu ĉi broŝuro estas foje ridiga foje doloriga. Ĝi celas ĉefe atentigi pri la danĝero de la framasoneco universala kaj pri la juda artifiko. Ni legas sur paĝo 4 :

*« Tiel estras la sekreta juda registaro hodiaŭ la duan Internacion, kun ĝia sidejo en Bruselo, la trian Internacion kun sidejo en Moskvo, la Universalan Esperanto-Asocion, la Pan-Eŭropa-Movadon, gvidatan de la bastardo Grafo Nikolao Coudenhove-Kalergi laŭ komisio de la judaro, la Ligon de Nacioj kun ĝia sidejo en Genevo kaj ĉiujn grandajn trustojn kaj kartelojn, speciale la armad-industrion kaj ne laste la tutmondan ligon de la framasonoj ».*

Kara leganto ne svenu. La supra frazo estas perlo de malpli alta valoro. Ekzistas aliaj en tiu ĉi broŝuro, post kies legado, normala homo provos stari sur la kapon por percepti, kiu estas freneza, li aŭ la fabrikantoj de ĉitiaj « veroj ».

Kio nin interesas, estas la aserto, ke UEA estas kreajo de la supozita sekreta juda registaro. Tio ne kaŭzas al ni kapdoloron, sufiĉas rigardi la elokventajn ciferojn de la administrado de UEA, parolantaj klaran lingvon. Pli grava estas, ke naivuloj ne konantaj la movadon por internacia lingvo kaj ĝian organizon, hezitas/ interesiĝi/ por ĝi. La Centra Oficejo ja ricevis dum la jaroj 1933-1935 belan aron la eksiĝoj pro supozigita juda karaktero de la movado.

Kaj estas pri tio, ke ni volas paroli. La asertoj faritaj kaj ne nur en Germanujo estas, ke la movado estas en judaj manoj, precipe ke la kondukantaj personoj estas plejparte judoj k.t.p.

### Konstatoj

Al la sovaĝula militkriado de trans la Rejno ne necesas respondi. Sed valoras foje esplori la efektivan influon de judoj en nia movado. La verkinto de tiu ĉi artikolo, kuniginta materialon entreprenis tiu ĉi esploron, neniel por pravigi ion kio ne bezonas pravigon, sed por liveri armilojn al la propagandistoj. Ĉar temas en la plej multaj kulpigoj pri la INTERNACIA organizo, (la nacian oni ja vidas pli proksimen) ni komencas per Universala Esperanto-Asocio :

1. Fondintoj. Ĝin fondis aŭ kunfondis ne-judoj, aŭtentikaj anglo, francoj, svisoj.

2. Komitato : Ĝia komitato depost 1908 ĝis 1934, ĉirkaŭ sesdek homoj kalkulis inter ili 4 judojn kiuj partoprenis la komitaton je malsamaj epokoj. unu aŭ du dum oficperiodo.

3. Funkciuloj. La Centra Oficejo, depost ĝia fondo en 1908 kaj ĝis 1934 okupis sinsekve ĉirkaŭ 40 personojn. Inter ili estis, ni diru kaj ni skribu...... 2 judoj, laborintaj por modestega salajreto, antaŭ la milito.

Dum la milito laboris (sensalajrite) kelkaj personoj inter ili ankaŭ judoj, por helpi al militviktimoj en la grandioza Servo organizita siatempe de UEA.

4. Membraro. La esploro, ĝis kia grado UEA estas saturita per la « juda » mono el kotizoj, jam estas pli malfacila. Tamen en jaro 1931, la verkinto de nuna artikolo metode esploris la membraron por determini sur la bazo de familiaj nomoj la « rasan » apartenecon. Certe la metodo uzita, la sole ebla, allasas kelkajn erarojn. Sed eĉ konsiderante tion la sumoj montris, ke inter 9025 nomoj estis 428 kiujn oni povas konsideri kiel judajn.

. De UEA ni venu al aliaj internacie formataj korpoj de la movado. Ekzemple la Lingva Komitato. Ni limigas la esploron al kvin jaroj 1929-1934. Nu, la rezulto estas :

Meza nombro de anoj de la L. K. estis 125. Inter ili estis 9 judoj, ĉiuj el malsamaj landoj. Do eĉ ne 8 %.

Ĉu valoras daŭrigi la liston ? Ĉu ni malkaŝas sekreton/, dirante kaj se necese pruvante, ke la pretendita regado perjuda de la movado internacia kaj nacia estas glata mensogo, destinita por impresi al la simpla publiko ? La ekzemploj sufiĉas. Ili estas kontroleblaj kaj pruveblaj.

Restas unu kampo. Oni kredigas en certaj rondoj ke la « malica judo » penetras ĉien, transigas sian specife judan penson per la literaturo. Ja ke ekzistas en la literaturo de pluraj nacioj efektiva juda enpenetriĝo. Ni ekzamenu el kio konsistas la konsiderinda verkaro en Esperanto. Nu, la konstato estas frapanta. La tuta literaturo traduka en Esperanto enhavas malpli da verkoj de judaj verkistoj (de juda religio) ol kia ajn nacia lingvo, absolute kaj proporcie. Ĉefaj verkoj de la klasika hebrea verkaro, de la mezepoka judhispana kaj de moderna juda eĉ ne ekzistas en tradukaĵoj.

De la literaturo ni venu al la eldono. La grandaj eldonejoj interesiĝintaj por Esperanto estis sen juda influo. La sole granda firmo kiu p r o v i s laŭ komerca maniero labori en nia movado estis Mosse en Berlino. Post perdo de ĉ. centmil Markoj la firmo ĉesigis la provon. Tio ilustras la idiotan diraĵon ke la judoj « profitas » el la movado de internacia lingvo.

Tuŝante tiun ĉi problemon pri profito ni aludu nur preterpasante, ke la eltrovinto de la lingvo, D-ro Zamenhof, devis pene perlabori sian vivon. La profitetoj el liaj verkoj, la tradukoj de klasikaĵoj, estis formanĝitaj por devoj truditaj al li pro lia rolo de « unua » esperantisto.

### Konkludo

Resumante ĉion diritan oni povas konkludi :

La movado por internacia lingvo, kristaliĝinta en Esperanto estas klopodado esence internacia, sen specife juda influo. Gvidantoj kaj funkciuloj en internacia kaj nacia kampo de tiu ĉi movado estas ne-judoj, la partopreno de tiaj estas sub la kutima normo kaj neniel respondanta al la tipaj ecoj kaj kvalitoj de la juda popolo. La verkaro en Esperanto respegulas fidele la aspekton de la nacioj literaturoj. Eldono kaj librokomerco troviĝis en plejparte « ariaj » manoj. Sekve : Nek ideo, nek materie la Esperanto-Movado estas kreajo de la imagita sekreta juda registaro, ekzistanta en la kapoj de kelkaj frenezuloj.

Hontinde estas por nia epoko, ke necesas fari tiajn esplorojn. Hontinde estas ankaŭ. ke neniam dum unu el niaj lastaj kongresoj, la gvidantoj kuraĝis fari deklaron, ke por ni la judoj estas tiom valora elemento kiom estas anoj de aliaj rasoj aŭ religioj. La neŭtraleco estas la ŝildo malantaŭ kiu ĉiu sin kaŝas kiam temas okupi klaran prozicion. Estas tiu ĉi kliniĝo antaŭ donitaj faktoj, kiu parte kulpas pro la spirita mizero de nia tuta movado.

H. J.

# LINGVA KOMITATO KAJ AKADEMIO

**Esperantista Lingva Komitato - Akademio -**
Adreso: Oostduinlan 32
Hago, Nederlando

**1. Elekto de membroj de la L.K.**

La membroj de la LK, elirantaj en 1937 pro finiĝo de sia naŭjara periodo de aneco, estas reelektitaj. Ili estas : S-roj Baghy, Belmont, Bofill, Drezen, Ghezzo, Mučnik kaj Uitterdijk.

**2. Elekto al la Akademio**

Kiel membroj de la Akademio estas elektitaj :S-roj Baghy, Belmont kaj Cseh elirantaj pro finiĝo de sia naŭjara periodo kaj S-roj Grau Casas, Minor, Schmid kaj Waringhien, kandidatoj, prezentitaj la 1-an de Julio 1936.

**3. Elekto de la Estraro de la L.K.**

Laŭstatute okazis la ĉiutrijara baloto por la elekto de la Estraro de la LK. Voĉdonis 11 Akademianoj.

Por la posteno de **Prezidanto** ricevis : S-ro Rollet de l'Isle 4 voĉojn, S-ro Isbrücker 4 voĉojn, S-ro Bailey 1 voĉon kaj S-ro Belmont 1 voĉon. Unu voĉo estis blanka.

Ĉar S-ro Rollet de l'Isle oficiale sciigis, antaŭ la baloto, ke li rezignas la prezidantecon, li ne estis elektebla; ĉar aliflanke S-ro Isbrücker, antaŭ ol akcepti la prezidantecon, esprimis la deziron, ke la plimulte el liaj kolegoj aprobu lian elekton, la Akademianoj estis ree konsultataj. 11 respondis, el kiuj 10 aprobis. Sekve S-ro Isbrücker estas elektita **Prezidanto.**

Por la posteno de **Vicprezidanto** ricevis : S-ro Baghy 3 voĉojn, S-ro Grau Casas 3 voĉojn, S-ro Bastien 2 voĉojn, S-ro Isbrücker 2 voĉojn, S-ro Waringhien 2 voĉojn, S-ro Cseh 1 voĉon kaj S-ro Rollet de l'Isle 1 voĉon.

Sekve estas elektitaj **Vicprezidantoj** S-roj Baghy kaj Grau Casas.

Por la posteno de **Direktoro de la Sekcio « Komuna Vortaro »** ricevis : S-ro W. Bailey 8 voĉojn, S-ro Schmid 1 voĉon kaj S-ro Waringhien 1 voĉon.

Sekve S-ro Bailey estas elektita.

Por la posteno de **Direktoro de la Sekcio « Gramatiko »** ricevis : S-ro Cseh 2 voĉojn, S-ro Waringhien 2 voĉojn kaj S-roj Baghy, Lippmann, Schmid kaj Stamatiadis ĉiu 1 voĉon.

Sekve, ĉar S-ro Cseh estas pli malnova A-ano ol S-ro Waringhien, li estas elektita provizora Direktoro ĝis D-ro Lippmann povos reokupi sian postenon.

Por la posteno de **Direktoro de la Sekcio « Teknikaj Vortaroj »** ricevis : S-ro Helleboid 4 voĉojn, S-ro Setälä 2 voĉojn kaj S-roj Grenkamp, Inglada, Isbrücker kaj Minor ĉiu 1 voĉon.

Sekve S-ro Helleboid, sekretario de a « Pariza Studa Komisiono por Teknika Vortaro », estas elektita.

Por la posteno de **Direktoro de la Sekcio « Kontrolo »** ricevis : S-ro Rollet de l'Isle 9 voĉojn; sekve li estas elektita.

**4. Estontaj elektoj.**

Pro decido de la LK. ke devas esti intertempo de 6 monatoj inter la prezentado de kandidatoj kaj la baloto, nun estas prezentataj la sekvantaj membroj, kies naŭjara periodo finiĝos en 1938 : F-ino Shafer kaj S-roj Th. G. Bailey, Demidjuk, Esselin, Hohlov, Kühnl, Nekrasov, Privat, Rublov, Spiridović, Stojan kaj Wiesenfeld.

Ankaŭ pro decido de la LK. ke la nombro de ĝiaj membroj ne superu 100 kaj ĉar ĝi nun estas 107, neniu nova kandidato estas prezentata.

**5. Kunsido de la Lingva Komitato kaj la Akademio dum la Kongreso**

La 12-an de Aŭgusto 1937 okazis en Varsovio kunveno de la LK kaj de ĝia Akademio. Ĉeestis 4 Akademianoj kaj 8 membroj de la LK.

**6. Diversaj informoj.**

Transprenante la funkcion de Prezidanto de la Lingva Komitato kaj de la Akademio el la manoj de mia antaŭulo, S-ro Rollet de l'Isle, mi ne volas preterlasi la okazon esprimi al li tutkoran dankon pro ĉiuj laboroj kaj klopodoj, kiujn li faris en la intereso de niaj Lingvaj Instituciuj. Ni ĝojas, ke S-ro Rollet de l'Isle daŭrigas okupi sian postenon de Akademiano kaj restas preta kiel Direktoro de la Sekcio « Kontrolo » ankaŭ estonte dediĉi siajn fortojn al la laboroj de la Akademio.

Dum multaj jaroj S-ro De Lajarte fervore kaj diligente plenumis la taskojn de Sekretario de la LK kaj de la Akademio. Ankaŭ al li ni ŝuldas sinceran dankon pro liaj multaj zorgoj kaj laboroj sur tiu posteno. Kvankam ankaŭ por la estonto S-ro De Lajarte disponigis siajn valorajn konsilojn kaj helpon por la funkciigo de la Akademia laboro, la distanco inter lia loĝloko kaj mia, kiu fakte malebligas buŝan intertrakton, estus la malhelpo por facila kaj rapida plenumo de la konstantaj sekretariaj taskoj. Aliflanke la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, esprimante la deziron efike apogi la laborojn de niaj Lingvaj Institucioj, deklaris sin preta, preni sur sin la multobligon -eĉ senpage- de ĉiuj cirkuleroj, sendotaj de la Prezidanto kaj do fakte funkcii kiel sekretariejo de la Akademio. Tiun proponon mi volonte akceptis kaj mi do tie ĉi volas esprimi koran dankon al la Instituto pro tiu valora subteno.

Direktante la rigardon al la estonto kaj al la laboro, kiu atendas nin, mi volas alvoki al serioza kaj diligenta kunlaboro ĉiujn miajn kolegojn Akademianojn kaj Lingva-Komitatanojn kaj ĉiujn aliajn, kiuj bonvolos dediĉi siajn fortojn al lingvaj studoj, rilataj al Esperanto. Jam en nia kunveno dum la Kongreso en Varsovio ni priparolis komencotan laboron por la starigo de oficiala listo de la radikoj de Esperanto kun iliaj difinoj en Esperanto. Pri tiuj laboroj, en kiuj ĉiuj spertaj Esperantistoj povos partopreni, pli detalaj informoj aperos post nelonge.

La Akademio havas la gravan taskon observi kaj gvidi la evoluon de la lingvo Esperanto kaj tial estas necese, ke ĝi restu en daŭra kontakto kun ĉio, kio aperas en nia lingvo. Bedaŭrinde la tre modestaj financaj rimedoj, pri kiuj la Akademio disponas, ne ebligas al ĝi la fondon de vasta biblioteko kaj tial mi volas ripeti alvokon jam antaŭe faritan al Esperantaj eldonistoj : bonvolu sendi al mi ekzempleron de ĉiu libro kaj de ĉiu gazeto, kiun vi eldonas; se vi aperigas gravajn verkojn en Esperanto, kiuj estos valoraj kontribuoj al la Esperanta literaturo, mi kuraĝas eĉ peti, ke vi sendu unu ekzempleron al ĉiuj Akademianoj, kies nombro ja ne estas granda. Nur tiel la Akademio povas resti daŭre informita pri nia kreskanta kaj floranta literaturo, kiu reprezentas unu el la plej gravaj formoj de la vivo de nia tuta movado.

Ir. J. R. G. Isbrücker, Prezidanto.

# Tra la libroj

# Foliumante novajn verkojn...

## Scienca internaciigo - Poetoj - Humoro - Sur sanga tero - Libretoj

Noto : Pro diversaj kaŭzoj, kelkaj libroj ricevitaj en printempo 1936 ne estis priparolitaj en « Esperanto ». Al la eldonistoj kaj al legantoj ni ŝuldas ripari tiun prokraston, petante ilian senkulpigon.

---

La temo traktita de **E. Drezen** en : **Pri problemo de internaciigo de science-teknika terminaro** estas tute parenca kun la enhavo de ĵus recenzita verko Wüster : « Konturoj du Lingvonormigo en la Tekniko ». La raporton de Drezen aprobis komisiono de Teknika terminologio ĉe Sovetunia Akademio de sciencoj, kaj Konferenco de Internacia asocio de normig-asocio en Stockholm. Ĉu de la aŭtoro, ĉu de la tradukinto A. Samojlenko, ĉu de la temo mem, devenas la stilo iom seka, peza, kun longaj sinsekvantaj vortoj, kun nekutimaj inversoj de frazpartoj ? Sed scienca studo ja ne pretendas stilan elegantecon, preferas precizecon kaj logikan rezonadon. La problemo cetere estas grava : la estonteco de helpa lingvo eble dependas de ĝia solvo. Ĉu per Esperanto konstruiĝos iam la internacia normigado por la scienca lingvo ? Tion pensas Wüster. Alian vojon anticipe vidas Drezen : ke la kreado de diversfakaj kodoj, unue naciaj, poste internacie akorditaj, akcelos la bezonon al Esperanto, helpos ĝian disvastiĝon kaj internan perfektiĝon.

Estus malfacile resumi raporton, kiu vice ekzamenas la problemon laŭ ĉiuj flankoj : la rolo historia de latino, la nesukceseblaj provoj readapti latinon al nuntempaj bezonoj, la evoluo de sciencaj nomoj kaj simboloj, la projektitaj filo zofiaj sistemoj por klasigado de ideoj, la ekzistantaj sciencaj nomaroj, la laboroj celantaj internacie unuigi la terminarojn, la neceseco de tiu progreso; grandaj malfacilaĵoj baras ĝin : ne nur la komplikeco de la multegaj vortoj difinendaj kaj elektendaj, sed ankaŭ tiu nuna inklino al naciismo eĉ en scienco kaj lingvo, tiu malŝato al ĉio internacia. Drezen eĉ opinias, ke la politika stato en U.S.S.R. estas kondiĉo necesa al normigo, kiun burĝaj ŝtatoj ne kapablos atingi. Jen kelkaj citaĵoj pripensindaj :

« Ju pli evoluas la scienco kaj tekniko, despli kreskas la neceso por internaciaj science-teknikaj rilatoj, neceso por starigo de internacia unueco en komplikaj science-teknikaj ideoj kaj koncernaj terminoj. » « La lingvo de scienco estas lingvo misfarita. » « Estas klarigebla stranga fakto, ke pliperfektigon kaj reguligon de la lingvo nun iniciatas ne lingvistoj, sed teknikistoj-inĝenieroj. » « Sovetiaj normoj de terminoj kaj sciencaj simboloj estas leĝofortaj dokumentoj kaj estas leĝe devigaj. » « En la fako de teknika terminaro estas plej facile efektivigebla la profetaĵo de Marks, ke la homo siatempe plene kapablos reguligi tiun produkton de gento : lingvon. » « Antaŭ dudek jaroj mi kredis al Esperanto. Nun mi scias, ke la tuta ĉeno de historiaj momentoj garantias por ĝi venkon. »

Por sciencistoj, teknikistoj unuflanke, por Esperantistoj aliflanke, la demando pri internacia unuecigo de terminoj kaj simboloj estas aktuala ĉefa problemo; Drezen kunigis priĝi serion da faktoj, komparoj, deduktoj, kiu meritas seriozan atenton ĉe niaj kleraj medioj.

---

**Dekdu Poetoj** ne estas grandformata libro, sed bela volumeto kun poemoj parte aperintaj en Literatura Mondo : ilin prezentas R. Kalocsay en rimarkinda antaŭparolo. Komparante tiujn versaĵojn de dekdu diversnaciaj aŭtoroj, kun iamaj verskolektoj, oni konscias la influon de l' L. M. skolo, se oni rajtas tiel nomi ĝin, aŭ de ĝia majstro, nia ĵus citita ĉefpoeto. Kelkaj legante plendos, ke por kompreni ili bezonas foliumi la poezian fakvortaron de la Parnasa Gvidlibro; aliaj volonte konfesos kiom la novaj poetoj superas la antaŭajn per liriko, poezia sento, brila formo, aparta lerteco en la uzo de ĉiuj eblaĵoj eltireblaj el la speciala muldeco de la tiom knedebla lingvo nia. Ŝajnas, ke por multaj nunaj verkantoj, Esperanto fariĝis, ne dua, sed ĉiutaga ĉefa lingvo. Paĝojn povus nigrigi recenzanto skribante ion pri ĉiu poeto, kaj kopiante kelkajn strofojn. Ni almenaŭ substreku la opinion de l' redaktanto : « Ni ĝoju pri la ekfloro de l' liriko tiom pli, ĉar nia lingvo ege ĝin bezonas. Veraj poetoj pli ol ĉiu alia povas ĝin vivigi, disvolvi ĝian ekzistantan riĉon, alsorĉi riĉon novan, pliigi ĝian naturecon, sonorecon, ĉarmon, esprimpovon. La koro de Esperanto batas en sia poezio. »

Se estas kvazaŭ atenco intenci per sola vorto difini aŭtoron, per citeto signi lian talenton, ni tamen tiel agu por almenaŭ vidigi unu lian trajton.

Adamson, Estono, pesimiste konfesas :

« Min jam post lastaj lacaj paŝoj
atendas tombo : frosta lit,
kaj ĉirkaŭ kruco el kreskaĵoj
de l' ter' volviĝos sole vit'. »

Hilda Dresen, Estonino, naturon pentras :

« Sur la parkvojoj petole kuradas [infanoj,
Levas ĉielen nun siajn kandelojn [kaŝtanoj. »

Price-Heywood, Anglo, pri urboj meditas :

« Ne plu bovinoj surgenue maĉas
La riĉan herbon dum junia tago...
Nun laboristoj tie mukon kraĉas ! »

Hovorka, Aŭstriano, alvokas :

« Ho, karaj, petolemaj, ĉarmaj [amikinoj,
Ĉe vi ja sole vera paradizespero ! »

Kurzens, Latvo, bedaŭras :

« Sed foje ĉesos la ebri' pasia,
Kvietos lace l' sentouragan'.
Mi klinos min por lipotuŝo pia
Al via man' ! »

Maura, Hispano, imitas, « haïkaï » :

« Vaga drivo tra Parizo :
haste tintas, apud mia,
cervina via paŝ'. »

Newell, Anglo, mokas :

« Hundinon ĉasas hund' kun ama [bojo ;
En ombra parko, pro ŝaŭmanta [juno,
Virinon ĉasas vir' kun hunda ĝojo.

Amalia Nunez-Dubus precize priskribas :

« Sed dormas la eta provinca [ĉefurb !
Velkintajn branĉetojn la vento fra-[kasas.
Per paŝoj laŭritmaj policano pa-[sas.
La luno vojiras tra ĉiela kurb ! »

Schauhuber, Austro, sentimente rimarkas :

« Nun de l' horloĝ-vizaĝo la se-[kundoj
defalas kiel larmoj al la vundoj. »

Stillman, Usonano, versetojn ŝatas :

« Ĉar alian
kisis mi —
Ĉu vi ploras
« pro l'envi' ? »

Szilagyi, Hungaro, ironie simbolas :

« En pluva mond', en nokto laca
Kun seka lang' en lasta ramp'
Mi homon vokas, homa paca. »

Totsche, Hungaro, marborde pensas :

« Ĉi urbe eble homo — same soleca, [trista, —
algapas nun la maron ; niaj rigar-[doj eble
sin krucas en saluto, hove senpove [dista... »

Ni ŝiris por vi kelkajn petalojn. Vi mem admiru la tutan bukedon.

---

**Jerome K. Jerome** estas konata angla humoristo. Unu lia verko : **Tri homoj en Boato** aperas tre bone tradukita de G. Badash, en bela eldonaĵo de Literatura Mondo. Por kelkaj, tiu angla humoro aperos iom peza, tro insista, ĉiam sama. La aŭtoro ĉion elturnas sisteme, li iom tro videble celas ridigi pri ĉio. Ĉiu intenco fiaskas, ĉiu volo malsukcesas, ĉio okazas kontraŭe al la atendata. Ĉiu diro altiras eksterteman anekdoton. Sed akceptinte tiun manieron, oni devas konfesi, ke la aŭtoro sprite trovas novajn situaciojn, ke lia malvarma ironio ofte naskas nevenkeblan ridon; facile estus citi paĝojn aŭ frazojn trafe montrantajn la humoron de l' aŭtoro. Jen nur kelkaj : « Ĉio havas sian malbonan flankon, kiel diris la viro, kiam lia bopatrino mortis, kaj oni postulis de li la enterigajn kostojn. » « En preĝejo ĉe Walton troviĝas fera « brido por riproĉulinoj. » Tiajn objektojn oni uzis en la antikva tempo por bridi la virinajn langojn. Nun, provi tion oni jam ĉesis. Mi supozas, ke la fero ekfariĝis malabunda, kaj nenio alia estus sufiĉe forta. » « Ĉiam ŝajnas al mi, ke mi faras pli da laboro, ol mi devus. Ne estas ja, ke laboro malplaĉas al mi : mi amas laboron ; ĝi min ravas. Mi povas sidi, ĝin rigardante, dum horoj. Mi amas teni ĝin apud mi : la penso pri ĝia forigo preskaŭ rompas al mi la koron. » « Goring tute ne estas tiom bela loketo por loĝado, kiom Streatley, se vi povas elekti laŭplaĉe ; sed ĝi estas sufiĉe beleta en sia speco, kaj estas pli proksime de la stacidomo en la okazo se vi volas foriri ne paginte la hotelan kalkulon. »

Do temas pri tri junuloj kiuj kun hundo pasigas sian libertempon promenante rem- aŭ velŝipe sur rivero. Legu kiel ili preparas sian vojaĝon, kiel la vento estas ĉiam kontraŭa, kiel ili interdisputas, pretigas la manĝojn, boligas la akvon por teo, malfermas ledoskatolon, senŝeligas terpomojn, ne retrovas sian boaton, aŭdas mensogantajn fiŝkaptistojn, k.t.p. k.t.p., ĉiam kun neatenditaĵoj kun troigoj, kun ŝercaĵoj, senbride ĝis ekstremo daŭrigataj. Kiu deziras distri sin, legi ion tute maltedan, plenan je amuzaj paradoksoj, je ridigaj aventuretoj, pasigi agrablajn horojn, tiu ekprenu la libron ; kredeble li ne pentos.

---

**Sur sanga tero** estas de **Julio Baghy** sekvo al la unua romano pri la siberiaj militkaptitoj : « Viktimo ». La samaj personoj parte reaperas, kiel la samaj animaj konfliktoj aŭ akordoj dum tiuj teruraj jaroj de l' milito. Ankaŭ oni retrovas plezure la facilan elegantan stilon de la aŭtoro, kun la fortaj aŭ dolĉaj esprimoj, kun la teruraj scenoj aŭ la mildajtrajtoj, kun la certaj kunmetaĵoj, la poeziaj priskriboj. Cetere denove la partoj dirantaj la faktojn mem, la personojn, iliajn agojn, estas pli vivaj, pli trafaj ol la rezonadoj, ol la filozofiaj sociaj paragrafoj. Reliefiĝas multaj scenoj pri la terura malordo dum la kontraŭrevolucia tempo en Rusujo, pri la lukto inter la partioj, pri la kruelaj bataloj aŭ perfortaj masakroj, pri la vivo de l'kaptitoj en la internigejoj, pri la stultaj krimoj de ebriaj brutaj estroj, dum aliflanke maskiĝas ankaŭ surprizaj homaj sentoj ĉe krudaj soldatoj. Kun la aŭtoro, oni legante sin demandas : « Ĉu la homa indulgenco mortis por ĉiam en Rusujo ? Ĉu la furiozanta venĝosento iam neniiĝos ? Ĉu ĝi estas pasema modo, kiu trudas maskon de ŝakalo al la homa vizaĝo aŭ ĝi restas neekstermebla besta moralo en la homo ? » Ĉu ne trafe elvokitaj estas la suferoj de fuĝanta armeo en tiuj linioj :

« La blanka armeo ĉe ĉiu fronto komencis retiriĝi. Cent miloj da kadavroj disjetite putris neenterigitaj. Miliardoj da pedikoj disvastigis tifon, kiu dekumis la vivantojn. Sango ! Malsato ! Tifo ! Frosto ! La retiriĝanta armeo de admiralo Kolĉak trenis post si la centmilkapan balaston de la rifuĝantoj. Komencis mortmarŝo sur la Granda Siberia Ŝoseo al oriento. Neimageblaj suferoj ! Marŝi dum monatoj, nokte kaj tage en kvardekgrada malvarmo, maĉi sekan panpeceton, esti pelata de rabistaj hordoj, atakata de sovaĝiĝintaj partizanoj, vidi formorton de infanoj, renkonti ĉiupaŝe la morton, duonfreneze marŝi kaj marŝi sur la multmilmejla vojo de Golgoto estas neimageble por homa fantazio. »

Ĉu ne poezie estas pentrata tiu fora pejzaĝo :

La luno kaŝludis inter la grizaj nuboj. La vintra vento jen paciĝis, jen furiozis miksante la unuan neĝon kun la pikaj sableroj de la vojo. Farante el ili kurantajn kolonojn ĝi pelis ilin antaŭ si. La neĝaj sablokolonoj fiere altiĝis ĝis la kaprico de la vento detruis ilin por petole krei novajn. En la lunlumo ili ŝajnis dancantaj fantomoj, aperantaj el sub la tero kaj ree kaŝantaj sin en la nevideblajn tombojn. La vento fajfis, veis. La timiga kakofonio de la ventomuziko formiĝis, longe tirata plenda melodio inter la arboj de la « Tajga ». La senfoliaj branĉoj de la siberia praarbaro, kiel nudaj ostobrakoj, minace skuis sin, riproĉe altiĝis al la kolergriza firmamento, kvazaŭ ili repostulus sian printempan kostumon. La petegantaj branĉoj ankoraŭ longe devos atendi je la ĉiela favoro ; ĉar la vintro apenaŭ komencis sian militiron en la naturo. »

Inter la militromanoj ĉiulingvaj, la du verkoj de Baghy lokiĝas en bona rango ; pro la personaj esceptaj vidintaĵoj de la aŭtoro, pro lia verkista talento, ili prezentas verŝajnon kaj intereson, kiujn multaj el ili ne atingis en tioma grado.

---

Jen la kvara volumeto de la memoraĵoj de **Stjepan Miŝak : Tra misteria oriento.** Tiuj travivaĵoj ne estas komunaj, ŝajnas fidindaj ; ili montras orientanojn per neflata lumo ; preskaŭ nekredeblaj estas ilia fiagado kontraŭ kristanoj, la maniero kiel policanoj mem vendas junulinojn. La lingvo de l' libreto, kvankam komprenebla, svarmas je mallertaĵoj, neutilaj vortoj aŭ sufiksoj, eraretoj. Kial la aŭtoro ne kunigis siajn broŝuretojn en pli ampleksa presaĵo ; kial precipe li ne petis korektadon de iu leitulo.

**Kudlago, la malgranda Eskimo,** teksto de **N. van Hichtum,** tradukita el nederlanda de **S. D. Mannoury** estas tre interesa viva historio por knaboj kun bona priskribo pri la vivo de nordaj gentoj, iliaj ĉasoj, vojaĝoj, kredoj. Ankaŭ por komencantoj estas rekomendinda tiu facila sed instrua libreto kun bela titolbildo.

En la **Systematisk kursus i Esperanto** de **Seppik-Malmgren,** ĉio aperas lerte aranĝita de lertaj instruantoj kaj spertaj samideanoj. Krom la kutina enhavo de tiuj lecionaj kursoj, estas speciale atentindaj, la tekstoj bone redaktitaj kaj kun interesa moderntema enhavo.

La **Zak-Woordenboekje** (poŝvortareto) Esperanta-Nederlanda, Nederlanda-Esperanta, eldonita de « Federatie van Arbeiders Esperantisten », tre legeble presita, liveras 2400 esperantajn radikojn kaj 2800 nederlandajn kun iliaj tradukoj. Se ne plena, ĝi aperas klara, praktika presaĵo.

La **Gramatika Elementar de Esperanto** por **A. Conto Fernandes e H. Motta Mendes,** 2a eldono, estas nura portugallingvá klariga gramatiko sistema, do ne kurso kun lecionoj kaj ekzercoj.

La broŝuro : **Histoire de la Fédération Espérantiste du Nord de la France,** de **M. E. Deligny** donas franclingvan koncizan raporton, laŭdate aranĝitan, pri la ĝisnuna vivo kaj agado de tiu federacio.

4 oktobro 1937.

G. S.

# Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

XVI.
*(sekvo)*

## Helplingvo kaj mondlingvo

Ĉiu nacia lingvo povas servi kiel lingvo helpa, internacia, se uzas ĝin kiel interkomprenilan tutmondaj diversnacianoj. Angla lingvo, parolata inter hindo kaj japano, franca — inter turko kaj anglo, latino ĉe katolikoj, k. a., estas vere helplingvoj. Sed ne mondlingvoj, ĉar ilia nacia naturo restas, kaj ĉiumomente trudas siajn apartaĵojn. Esperanto estas helplingvo internacia, tutmonde uzata, sed ne tutmonda, ĉar ĝia naturo ankoraŭ restas okcident-eŭropa.

Ni vidu la vortojn de la Fundamento, grupitajn laŭ ideoj. Animaloj, plantoj, vestaĵoj, fruktoj, malsanoj, ktp. Tuj ni rimarkas, ke en sia plimulto ili koncernas Eŭropon, eĉ ĝian okcidentan parton. Tre gravaj tropikaĵoj, objektoj tre uzataj en neeŭropaj landoj, mankas en la « Universala Vortaro », kiu enhavas tamen speciale eŭropajn aĵojn, fremdajn por aliaj klimatoj. Eĉ en pli kompletaj vortaroj oni havas : Biblio, Evangelio, Korano, Talmudo, sed ne : Vedo, Tripitako, Manu-leĝaro, k. a. terminoj gravaj por budhano, ĝajnano, taosano, adeptoj de grandaj religioj, nekompareblaj laŭ etendiĝo kun etaj Kalvinismo, Luteraneco, k. a.

Ni klare konscias ,ke alie ne povis esti, ke nia lingvo uzata precipe inter okcident-eŭropanoj fatale respegulas ilian medion. Ne estas en tio ia kulpo aŭ misintenco. Sed, ĝuste pro tio ni ne fanfaronu pri la « tutmonda » epoko de Esperanto, kiam ĝi apenaŭ transiras de la okcident-eŭropa al la tut-eŭropa stado. Ni metu nin sur la lokon de perso, japano, siberiano, peruano, kiuj — pro ĝentileco — ne kontraŭdiras al ni, sed kiuj pensas : « stranguloj, vi estas, eŭropaj samideanoj, vi senkonscie trudas al ni ĉiupaŝe viajn lokajn kutimojn, produktojn, pensojn, proklamante ilin tutmondaj, tuthomaraj, universalaj. »

Por « klasika » Esperanto la vorto *oriento* havas du sencojn : unue, parto de horizonto kie leviĝas la suno matena, kaj due, landoj Balkanaj, Aziaj, k. a. Por Japana esperantisto la unua senco estas akceptebla, sed ne la dua, ĉar por li estas « okcidento » la tuta Proksima Oriento, Turkestano, Indio k. a. Ankaŭ por Nov-Jorkano la Oriento povas signifi Eŭropo entute. Por Kaliforniano la Oriento estas preskaŭ tuta Usono. Kiam Esperanto fariĝos tutmonde-internacia lingvo, tiaj vortoj kiel oriento, okcidento, suda, norda, kultura, barbara, perdos siajn mallarĝajn nuancojn « klasikajn », kaj konservos nur tiujn, kiuj taŭgas por la tuta terglobo. « Sudaj landoj » ne signifos tiam « varmaj regionoj ». Por Aŭstraliano kaj Sud-Amerikano la Antarktika insularo estas « sudaj » unusence, kaj « nordaj » alisence. El tia kaoso, oni eliros, limigante sencon de kelkaj vortoj, kaj kreante novajn necesajn (ekzemple aŭstrala, boreala — por distingi la du globduonojn).

Por « klasika » Esperanto la *kultura* homo estas tiu, kiu scias latinon, la anglan, francan, germanan, portas blankan /kolumon, ĉapelon kaj ŝuojn, « eŭropan » kostumon, edukiĝis en liceo kaj universitato, ktp. Por Aziano la *kultura* homo estas tiu, kiu havas humanan koron, noblan penson kaj honestan vivmanieron, — sendepende ĉu li iras nudpieda aŭ en sandaloj, dunonda aŭ en kaftano. Kiam Esperanto fariĝos vere tutmonda lingvo, ĝi devos aŭ lasi al la vorto « kultura » ĝian mallarĝan nunan sencon (kaj tiam ĝi estos insult-vorto, kiel : fripona, kruela, degenerita), kaj oni kreos novan vorton por diri « vere kultura », aŭ oni donos al la vorto « kultura » larĝan bonan sencon, tiam por la mallarĝa malnova signifo- kreiĝos alia termino.

## Serĉado de formoj

Lingvo kun fiksita strukturo kaj kristaliĝa materialo ne prezentas por uzantoj alian taskon ol uzi ĝin korekte. Alia estas nia lingvo, kiun la aŭtoro kaj la LK lasis en ĝerma stato al la libera disvolvigo farata de adeptoj. En diversaj landoj, en malsamaj cerboj, la kreataj formoj devis varii, kaj ĝuste tian variadon ni observas. Jen, kalkaj tipaj ekzemploj, trovita en nia presa literaturo. En 1909 la gazeto « Japana Esperantisto » vidigis 6 diversajn formojn por nomi unu landon : *Manĉurio, Manĝurio, Manĝurujo, Mandjurio, Manĝurlando, Mandjurujo.* La serio estis kompletigata poste je pluaj kombinoj : *Manĉurujo, Manĉurlando, Mandjurlando.* Sed, ĉiuj tiuj 9 formoj estas kontraŭfundamentaj, ĉar la Fundamento formas la landon et loĝanto, pere de -ujo. La nomo de indiĝeno estas : *manĉo* (manĉu), sekve la lando estu nomata : *Manĉujo.*

Dua ekzemplo. Por esprimi la ideon : revenu, income, Einkommen, dodox, entrata, k. a., ni trovis jenajn tradukprovojn : *ricevotajo*, (Gr.-M.), *envenajo* (L. R.), *enspezaro* (Kr.), *enspezo* (j) (Mil.), *profito* (Krzl.), *revenuo* (Gr.-M.), *enspezo* (Z), *enspezoj* (Chr.), *rento* (Gr.-M.), *enspezo, rento* (Sax.), — entute 8 proponoj.

Tria ekzemplo. Por esprimi tre oftan ideon : « ramasser, aufheben, podnjatj », niaj vortaroj proponas diversajn tradukojn : *levi, levkolekti, malleviĝante preni, trovi, forpreni, malfaligi, relevi, forterigi, delevi.* Kelkafoje la hezitoj turnas nur ĉirkau la formo : *spontanea, spontana, sponta, kooperativa, koopera, koopa, licenciato, licenciito, licencito, licenculo, poplito, poblito,* (sungenuo, genukavo, alifoje la diversaj radikoj spegulas diversajn fontojn, novajn kaj malnovajn : *ranunkolo, varianelo, fireumo* aŭ *otiso, avistardo, stardo; trapo.* Vera logik-ekzerco estas la forĝado de tiaj formoj : *mortema, mortdeva, morteca* pri la homo kiu nature devas morti), *travidebla, travidebliga, travideca, travida, travidiga,* (diafana, transparanta), *tralegi, finlegi, tutlegi* (fini legajon ĝis la fino).

Por nomi dutuban vidilon uzatan en teatro, sporto, milito, estis kreataj jenaj prov-formoj : *binoklo, lorneto, bilorneto, dutuba lorneto, dulorno, dulorneto, opervitro, lorno.* (NB. binoklo signifas ankaŭ : nazumo, lorno : teleskopeto, teletubo).

Se, en la kazo de « Manĉujo », la varieco de formoj ne konfuzigas la klaran komprenon, en la du aliaj kazoj — la kompreno estas grave atencata, ĉar leganto, kiu lernis ke « jumelles » = *lorno*, komprenas : *binoklo* = nazumo, kaj male, leganto, kiu lernis ke « operaglass » = *binoklo*, komprenas *lorneto* = malgranda lorno, t. e. « spyglass ». Nature, se leganto trovas tiajn perfidajn vortojn en romano, novelo, vojaĝrakonto, li akceptas ilin laŭ sia (nekoresponda al la originala ideo) senco, sed tiu miskompreno ne malhelpas ke li ĝuu la belecon de la verko. Alia kazo prezentiĝas, se li — en reala vivo — serĉas aŭ aĉetas binoklon, lornon, tiam la idea malsameco eksplodas tre konkrete. Ke nia popolo tiom longe toleras tian konfuzadon en semantika sfero, tio estas komprenebla per la stato de la movado, kiu plejparte evoluas ekster la realo, en libra aŭ letera sfero. En la tago, kiam nia lingvo servos al komerco, industrio, tekniko, tiaj terminoj estos tuj precize fiksitaj. Tiu fiksigo verŝajne ne profitos el multaj antaŭaj provoj, supre ekzemplitaj, ĉar mankos iu centra organizo, la vortoj kristaliĝos en ilia hazarda formo, laŭ la kazoj, en tiu aŭ aparta katalogo de unua firmo kiu ĝin farigus. Por fiksi harmoniajn formojn, necesas sistemo, kompleta kompara esploro de ĉiuj terminoj en ĉiu fako.

Ni klopodas atingi tian staton de la movado, en kiu oni permesus « serĉi » la lingvon ne nur al iu ajna amatoro, aŭ leganto, sed ankaŭ al fakuloj, spertaj en lingva sfero. Ĉar, ĝis nun la LK unuflanke toleris, ke iu ajn libere evoluigu la lingvon, kaj aliflanke ĝi protestis kontraŭ fakuloj kiuj provis fari la samon. Elementa justeco postulas, ke la rajto krei la lingvon, jam donita al amatoroj, estu donita ankaŭ al specialistoj. Se ni tion atingus, la lingvo povus konstruiĝi pli rapide, kaj — ĉefe — pli sisteme.

(Daŭrigo sekvos).

## Sur tombejo

de Ludwig Schiff

*Ni ĉirkaŭstaras*
*La tombon faritan,*
*Mallevi preparas*
*La ĉerkon benitan !*

*Sur ĉerko kuŝas*
*Florkronoj sterne*
*La plej bela floro*
*Ripozas interne*

*Knabino etera*
*La koro abunda*
*La psiko sincera*
*Animo profunda*
*Spirito ŝtaliĝis*
*Dolora en ondo !*
*Spegulo fariĝis*
*Kristala de l'mondo*

*Tro frue ŝi pasis*
*De vivo al morto !*
*Spegulon frakasis*
*Kruela la sorto !*

*Kaj lumas ekstere kaj brilas radioj*
*De l'suno sur vasta kamparo*
*Printempaj aŭdiĝas nun melodioj*
*En verda, muĝanta arbaro*
*Sur digo kaj ponto altega rapidas*
*La trajno simile al vento !*
*Kaj en ĝi la homoj atende konfidas*
*Je ĝoja alvena momento*
*Kaj ĉirkaŭprenas nin ĉiujn la helo*
*De l'blua serena ĉielo*

*Belega vi mondo !*
*Vastega vi rondo !*
*Naturo vi sankta, vi kara !*
*Vi igas la koron amara !*
*De ĉiu belo*
*Por ĉiam forpelo*
*La lum' — estingiĝas*
*La bild' — forviŝiĝas*
*La tono — perdiĝas !*
*— — La mondo — subiĝas !*

*Nek larmoj fluantaj,*
*Nek ardoj brulantaj*
*De l'amo patrina*
*Revokas pasintojn,*
*Revekas mortintojn —*
*Ĉiama mistero*
*Ne ploru ! Ne plendu !*
*Ne longe atendu :*
*Vin mem kovros tero*
*Kaj ne plu protestu*
*Dankema vi estu*
*Vi havis ! Vi kredis !*
*Vi iam posedis !*

# Anoncoj kaj Reklamo




Fondinto : H. Hodler, † 1920

Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,
Red. : Provizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)
Dato : 25 oktobro 1937